


# INTERNACIA FERVOJISTO

1994 . 2

35. INTERNACIA FERVOJISTA
ESPERANTO SKISEMAJNO

## Redaktora Babilo

Alproksimiĝas la kongreso. Ankoraŭ estas ebleco aliĝi kaj kvankam ni ne havas kompletigajn informojn pri la postkongreso en Břeclav, Ĉeĥio (ol tiuj de IF 1993.6 paĝo 86), ankaŭ ĝi povus allogi.

Kial kongresi? Kaj ĉu la nuna formo taŭgas? Konglomeraĵo de administra, faka, interhoma, kultura, turisma elementoj devus ja altiri tre diversspecajn kongresanojn - ĝuste tio, kio igas la IFK tiom interesaj.

Legu do en tiu ĉi numero pri raportoj de estraranoj, pri tagordoj kaj aliaj prikongresaj informoj, kaj tion, kion ni krome sukcesis kolekti, por ke la revuo estu laŭeble interesa kaj leginda.

Plurfoje ni skribis pri UIC kaj FISAIC, ke ili estas organizaĵoj, kiuj ŝajne estas survoje al certa rekono de Esperanto. UIC estas la Internacia Fervoj-Unio, do oficiala organo de la fervojoj, kaj ĉar ili agnoskas IFEFon kiel unu el siaj kunlaborantoj rilate fakterminojn, nia agado en tiu tereno estas eĉ pli grava ol eble iam antaŭe.

FISAIC estas la Internacia Fervojista Federacio por Kulturo kaj Libertempo, kaj ĉar ĝi uzas Esperanton prove en sia laboro, tre gravas ke la landaj asocioj de IFEF forte klopodas kunlabori kaj influi al la landaj sekcioj de FISAIC.

Laborterenoj abundas. Ni plugu nian sulkon.

Red.



La foto montras polajn kolegojn dum la 10a jarkunveno en septembro pasintjara.

La jarkunvenoj de la landaj asocioj de IFEF estas gravaj aranĝoj, ĉar tie oni decidas pri konsiderinda parto de la IFEF-vivo. Se la landaj asocioj ne bone funkcias, nia tuta laborterено ŝanceliĝas. Zorgu do pri vigla agado.

Grave estas ankaŭ plialtigi la nombron de fakdelegitoj de UEA pri fervojoj. La l.a. laŭeble apogu tiujn membrojn, kiuj pretas ofici.

## Nova ZEO

En la hispana urbo Premia de Mar oni inaŭguris la 18an de decembro placon E (Placa de l'Esperanto).

La inaŭguru okazis lige al Zamenhof-festo, aranĝita de HEFA.

**Frontpaĝo**: Partoprenintoj de la 35a IFES.

## Enhavo:




**46a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)**

13a-20a de majo 1994
KREMS a d Donau, Aŭstrio

| | |
|---|---|
| Adreso: | 46a IFEF-kongreso, Postfach 194, A-3101 ST.PÖLTEN, Aŭstrio |
| Bankkonto: | Bank Austria, Filiale Tulln, kto n-ro 467 567 400 BLZ: 20151 |
| Poŝtkonto: | PSK A-1018 Wien, kto n-ro 92.017.630 BLZ: 60000 |

## Modernaj fervojoj - Komuna Eŭropo

**Novaj impulsoj - ESPERANTO**

## La ĉijara evento de la IFEF-vivo

Rapide pasas la tempo, kaj en la antaŭaj numeroj de IF legeblas multaj informoj pri la 46a IFK.

La IFEF-estraro kunvenis en Krems a d Donau 11.-12. de marto, kaj rezulto estas kelkaj ŝanĝoj en la kongresprogramo, vidu n-ron 1996.6 de IF paĝojn 83-84.

Ĉefaj ŝanĝoj rilatas la finiĝon de la kongreso, ĉar ŝajne eblos forveturi al la postkongreso jam vendredon posttagmeze. Notu jenon:

Ĵaŭdon 11-12: Prezento de la venonta kongreso, i a per filmo
14-15: Fervojaj novaĵoj kaj prelegoj = 1a parto
15-17: Movadaj aferoj
Libera vespero.
Vendr 09-11: Fervojaj Novaĵoj kaj prelegoj = 2a parto
11-12: Solena Fermo de la kongreso
Posttagmeze: eblon forveturi.

Aliaj kromaj informoj:

- Alta protektanto de la kongreso estas Ministro pri trafiko s-ro Klima,
- Dimanĉe je h 17a okazos ekumena diservo,
- Dum la tuttaga ekskurso merkrede al Mariazell okazos je h 15a arboplantado.

Cetere la IFEF-estraranoj povas informi, ke atendas vin ĉarma urbeto kun mallongaj distancoj kaj serioze laboranta LKK. Aliĝis ĝis la 11a de marto 322 personoj el 21 landoj, do neniu kaŭzo por hezito, eĉ ne por gejunuloj aŭ aliaj malmultonpagipovuloj, ĉar LKK havas en sia poŝo certajn ofertojn. Kontaktu tuj LKK tiuj, kiuj sentas sin apartenantoj al tiu kategorio!



Ĉefenirejo 'Donau Hotel', apud kiu estas kongresejo


La infanoj dancos dum la 'Aŭstria vespero' marde, en la kostumo de la regiono 'Krems-Stein'

## ĈEFA FAKPRELEGO

La titolo de la fakprelego estas: "Alpa transit-trafiko". Ĝi priskribas la historian kaj la hodiaŭan rolon de la alp-montaro rilate la varan trafikon en Eŭropo. Multajn jarcentojn granda malhelpaĵo por vojaĝi norden kaj suden, kiel bariero ĝi preskaŭ ne plu ekzistas en nia jarcento. Multaj tuneloj evitas la grimpadon al la montpasejoj, larĝaj aŭto-ŝoseoj obligas senpenan transiradon.

Sed kiaj estas la sekvoj? Milionoj da aŭtomobiloj estas survoje en Eŭropo; precipe la komuna merkato postulas ĉiutagan amastrafikon, ankaŭ trans la alpojn. Pro la malalta prezo de la benzino la plimulto moviĝas surstrate anstataŭ surrele.

La forbrulado de la benzino havas siajn sekvojn: ĝi detruas la naturon, la regionoj apud la aŭto-ŝoseoj preskaŭ ne plu estas loĝeblaj.

La fervojoj klopodis kaj klopodas konstrui transportilojn por la kamionoj surrele. Ekzistas kelkaj vagontipoj, kiuj bedaŭrinde ankoraŭ ne kapablas tiri la plimultan trafikon al la reloj. Sed se tio ne okazos baldaŭ, niaj infanoj kaj genepoj ne havos la ĝustan vivkvaliton, kaj malbenos nin. La tempo urĝas!

Bonvolu aŭskulti la fakprelegon multnombre; ne timu, ke ĝi estas "teknika" afero. Ĝi estas komprenebla por ĉiu.

46-a IFEF - KONGRESO
Majo 1994



ALPA
TRANSIT-
TRAFIKO

Fakprelego

Krems a. d. Donau
Aŭstrio

Post la ĉefa fakprelego vi vidos filmon pri la transportado de kamionoj per la fervojo (feruta transporto). ■

## Fake Aplika Sekcio

Por ordigi adresaron de kunlaborantoj de Fake Aplika Sekcio de Faka Komisiono IFEF, mi petas kunlaborantojn de la iama Fake Aplika Komisiono kaj novajn interesulojn, kiuj volas partopreni nian agadon, anonci sin je mia adreso. Tiamaniere mi volas kompletigi adresaron de la kontribuantojn de fake aplika agado en la kadro de IFEF. Samtempe mi petas ĉiujn respondontojn, esprimu ankaŭ vian deziron ricevadi regule Terminaran Kurieron, kiun redaktas s-ro Hartig. Pere de ĝi vi estos informitaj pri la aktuala situacio en terminaro kaj fake aplika agado ĉe IFEF. Mi antaŭĝojas vian reagon.
FK IFEF, sekretario por fake aplikaj aferoj:
Ladislav Kovář, Grégrova 44
CZ-560 03 Česká Třebová Česká Republika

## "TRANSLIMEN"

Trans la landlimoj naskiĝas semajna bulteno informa kaj kultura pri la Kampanjo de la Radikala Partio por la rajto je la internacia lingvo.

Okaze de la malfermo de la **Kampanjo por la rajto je la internacia lingvo** iniciatita de la Radikala Partio, ekde la unua semajno de januaro aperas dulingva bulteno de informado, kulturo kaj profondigo pri tiu temo.
Kiu deziras senpage ricevi la semajnan informilon pri la *Kampanjo por la rajto je la internacia lingvo, skribu al:*

"Esperanto" Radikala Asocio
Via di Torre Argentina 76, I-00186 Roma, Italio
Fakso + 30.6.68805396

## Tagordoj por la kunsidoj de la 46a IFEF-kongreso

**Kunsido Estraro/Komitato (nepublika)**

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Elekto de ĉefkomitatano kaj anstataŭanto
3. Konfirmo elektoj de la Faka Komisiono
4. Diskuto kongresproponoj
5. Diskuto budĝeto 1995
6. Analizo situacio en kelkaj landoj
7. Diskuto venontaj kongresoj
8. Eksteraj rilatoj
   8.1. UEA
   8.2. FISAIC
9. Eventualaĵoj

**Plenkunsido (publika)**

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj, k.s.
3. Honorigo al la mortintoj
4. Raportoj estraraj
   4.1. Sekretario
   4.2. Redaktoro
   4.3. Kasisto
5. Protokolo Červia (I)
6. Elekto de ĉefkomitatano kaj anstataŭanto
7. Konfirmo elektoj de la Faka Komisiono
8. Kongresproponoj
9. Raporto Ĉefkomitatano
10. Raportoj Faka Komisiono (FK)
    10.1. Gvidanto
    10.2. Sekretario Fake Aplika Sekcio
    10.3. Sekretario Terminara Sekcio
11. Raportoj Komisiitoj
    11.1. Skisemajno (IFES) 1994
    11.2. Fervoja Koresponda Servo (FKS)
    11.3. Komitatano A por IFEF ĉe UEA
12. Resumo jarraportoj 1993 el la landaj asocioj
13. Analizo nuna situacio en kelkaj landoj
14. Budĝeto 1995 kaj kotizkonfirmo
15. Rilatoj al aliaj organizoj
    15.1 UEA
    15.2. FISAIC
16. Venontaj kongresoj
    16.1. Konfirmo invito al la 47a IFK (H) 1995
    16.2. Elekto de lando por 1995
    16.3. Diskutoj pri pluraj eblecoj
17. Venontaj IFES 1995 kaj 1996
18. Eventualaĵoj
19. Libera Diskutado

Romano Bolognesi, Sekretario

## Tagordoj por la kunsidoj de Faka Komisiono en Krems

**I. Elekto de gvidanto, du sekretarioj kaj redaktoro de TeKu**

**II. Tagordo por la kunsido de terminaraj aferoj**

1. Raportoj
   1.1 Raporto de sekretario pri la agado
   1.2 Raporto de rtk-oj pri agado de unuopaj landoj
2. Terminaraj aferoj
   2.1 Esperanto-varianto de LG V
   2.2 Nacilingvaj Vortaroj
   2.3 Aktuala Vortaro
3. Adresaro
4. Diversaĵoj

**III.Tagordo por la kunsido de fake aplikaj aferoj**

1. Raporto de sekretario pri la agado
2. Faka programo de la 46a IFK
3. Faka programo de la venontjara 47a IFK
4. Programo de la faka kunsido dum la 79a UK
5. Diskuto pri spertoj kun la nova organizo de la FK kaj planoj por la proksima estonteco

D-ro József Halász
Gvidanto de Faka Komisiono

---

## Jarraporto de la sekretariejo pri la jaro 1993

**Antaŭrimarkigo**

La ordo de la raporto estas kiel tiu de la lastaj jaroj por faciligi komparojn. Pli detalajn informojn pri diversspecaj agadoj oni trovas en la lasta "Resuma jarraporto de la landaj asocioj" (IF 5/93 p.72a).

**Niaj mortintoj**
Listo de malaperintoj estos legata dum la plenkunsido en Krems.

1. **Membrostato**
   Bonvolu rigardi "Membrostato de IFEF" (aliloke en ĉi tiu IF).
2. **Interna laboro**
   2.1. Estrarkunvenoj
   La estraro kunvenis komplete dufoje (krom Cervia), en Györ (H) marte kaj en Braŝov (RO) septembre. Ĉeestis, kiel gastoj, la ĉefkomitatano (Ĉk) kaj parte la honora prezidanto (HPr). La densajn tagordojn oni traktis tre kunlabore kaj konstrue.
   2.2. Ĉefkomitatano
   Li plenumis akurate siajn multflankajn taskojn; i.a. li forsendis unu cirkuleron kun la demandilo pri la landaj jarraportoj por la resumo de la vicprezidanto. Kune kun la sekretario li ĝisdatigis adresaron de la IFEF-funkciuloj.
   2.3. Vizitoj
   Ankaŭ en 1993 estraranoj partoprenis en kelkaj aranĝoj. Menciindaj estas: la fakkunveno en Valencio (E) dum la UK (ĉeestis la vicprezidanto (Vp), Ĉk, la gvidanto de Fake Aplika Komisiono; la jarkunveno de la Rumana Asocio en Braŝov (ĉeestis la tuta estraro, HPr, Ĉk); konferenco en Pardubice (CZ) ĉeestis la kasisto.
   2.4. Evoluo en kelkaj landoj
   Landaj asocioj en Ĉeĥio, Slovakio kaj Slovenio estis akceptitaj en IFEF.
3. **Laborplano**
   3.1. Koresponda Servo
   Kav. Germano GIMELLI (I) bone plenumas la laboron, kiu plivastiĝas.
   3.2.Junularo
   Nenio estas rimarkinda.
   3.3. Faka(j) Komisiono(j)
   En 1993 estis gravaj ŝanĝoj: IFEF decidis unuigi la du (TK kaj FAK) komisionojn. La nova komisiono nomiĝas Faka Komisiono (FK). Ĝi agas sub la gvidado de Inĝ. Joszef Hálasz (H) (gvidanto (Gv)) kaj havas du sekretariojn (TS-Sk) d-ro Heinz Hoffmann (D) (Terminara Sekcio), (FAS-Sk) Inĝ. Ladislav Kovař (CZ) (Fake Aplika Sekcio) kaj

redaktoron (TeKu-Rd) sinjoro Dieter Hartig (D).

En 1993 ebis aliaj gravaj atingoj:

1) UIC enkondukis, samrajte, Esperanton inter la lingvojn de ĝi uzitaj (tio ĉefe danke al la helpo de GEFA, kiu finance subtenis la mendon por la "CD"-diskedoj kun la datenoj de la nova LG V);
2) "DV" (Difina Vortaro) estas en prilaboro;
3) aperis "Fervojfakaj Kajeroj", n-ro 2 (ĉefe danke al inĝ. Kovaŕ kaj al la praktika laboro de s-ino Erna Hauge); aperis nova germana "NV" (Nacia Fervoja Vortaro);
4) En Valencio (E) okazis fervojista kunveno sub la gvidado de Vp István Gulyás, kiu priskribis la pasintan IFK-Cervia kaj prezentis la venontan en Aŭstrio; estos prelegoj je la ĉeesto de kelkdek da kolegoj el multaj landoj.

4. **Aranĝoj**

4.1. IFES = IFEF Skisemajno

La 34a IFES sukcese okazis 16-23.01.1993 en Hasliberg, Svisio, kun partopreno de 42 homoj el 10 landoj (vidu IF 2/93, p.30).

4.2. IFK = IFEF-kongreso

La 45a IFK okazis 06-12.06.1993 en Cervia (I). Ĉeestis 469 partoprenantoj el 24 landoj. Jen la plej gravaj eventoj:

a) Ĉiuj aranĝoj okazis en la antikva salmagazeno "Torre".
b) Dum la inaŭguro salutis (kelkaj en E-o): la urbestro s-ro Massimo MEDRI; la distrikta direktoro de FS en Bologna, inĝ Gianpietro MONFARDINI, la prezidanto de DLF Bologna, d-ro Giuseppe CAPUTO (en E-o); la reprezentanto de FS en Roma, d-ino Tiziana LOCATELLI; prof. Giordano FORMIZZI, nome de IEF (Itala Esperanto-Federacio) (en E-o); s-ro Jakob TSCHANZ, nome de FISAIC (en E-o; la Pr de DLF Ravenna, s-ro Nerio Dante SAVINI (en E-o); kaj aliaj.
c) La landaj fervojistaj asocioj de Ĉeĥio, Slovakio kaj Slovenio estis akceptitaj en IFEF.
d) Estis unu ĉefa fakprelego: "Ek al granda rapido" (verkis ĝin d-ro Serio BOSCHIN) (vidu IF 4/93 p. 55a). Estis multaj interesaj "Fervojaj prelegoj/aktualaĵoj" (vidu IF 4/93 p.56a).
e) Okazis tre interesaj ekskursoj: al Ravenna-monumentoj; al Firenze (Internacia Muzeo pri Ceramiko - Palaco "Milzetti") kaj Brisighella; al Gradara (parte surŝipe).
f) Estis amuzigaj, artaj, distraj aranĝoj: balvespero en moderna dancejo; kvin koncertoj: opera, simfonia, blovorkestra, korusa kaj ĵaza.
g) Menciindas ankaŭ la tre bela postkongreso:tra la montetoj de "Romagna" (vizito de vinkeloj, Predappio, Bertinoro); al Urbino (Duka Palaco) kaj Grotoj "Frasassi"; al Venezia (ŝipe tra la Laguno kun vizito de la insulo "San Lazzaro degli Armeni" kaj rapide de placo S.Marko).
h) Rekorda estis la tri inaŭguroj de ZEO-j (Zamenhof-Esperanto-Objektoj), nome: "Piazzale Esperanto" en Cervia RA; "Scalea Esperanto" en Predappio FO; "Via Esperanto" en Venezia VE (insulo Lido).

5. **Eksteraj rilatoj**

5.1. UEA

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter UEA kaj IFEF estas bonaj. Ja IFEF estas la plej vasta kaj unu el plej bone organizitaj fakaj esperantistaj aliĝintaj asocioj.

5.2. FISAIC

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter FISAIC kaj IFEF estas tre bonaj. La Esperanto-uzado en FISAIC plu daŭras, danke al la FFEA-kolegoj.

**Fina komentario**

La akcepto de novaj landaj asocioj (Ĉeĥio, Slovakio kaj Slovenio) denove montras asocian membrokreskon, sed la ĝenerala membrara situacio ne estas tiel favora. Bedaŭrinde komencas montriĝi la antaŭviditaj malkreskoj, kvankam nun estas pli da IFEF-l.a.

Ni rimarkas ke la fervojtekniko rapide evoluas kaj nia profesio iĝas ĉiam pli altnivela. Ni refaru la demandon:"ĉu estas rolo por Esperanto?" Inter la fervojistaro ofte ŝajnas ke ne, tamen niaj konstantaj klopodoj montras rezultojn. Ni memoru pri la bonaj situacioj ĉe FISAIC kaj ĉe UIC. Ankaŭ niaj kongresoj reelmontras la kapablon kaj la entreprenemon de nia profesia kategorio.

Grandaj kaj rapidaj ŝanĝoj en la fervojaj organizoj, privatigo de retoj, antaŭtempaj pensiigoj, ne dungado de junaj fervojistoj, ktp vere malhelpas nian agadon; se aldoniĝas la ekonomiaj kaj socipolitikaj malfacilaĵoj en multaj landoj, militoj kaj ĝenerala timo de malboniĝo de la rilatoj interŝtataj, ni havas antaŭ ni malbelan bildon. Tamen, ankaŭ 1993 estis jaro esperig- kaj fruktohava.

Bolonjo, februaro 1994

Romano Bolognesi, sekretario

## Jarraporto de la redaktejo de INTERNACIA FERVOJISTO pri la jaro 1993

La jaro 1993 estis tradicia, almenaŭ kompare al la lastpaŝintaj jaroj. IF estis eldonita per la kutimaj ses numeroj kun la kutimaj 96 paĝoj.

Grandan dankon mi deziras direkti al tiuj ne malmultaj, kiuj liveris materialon al nia revuo. Kiel kutime ni laŭ la ebloj emfazis la fakan flankon de la IFEF-laboro. Bedaŭrinde kelkaj landoj ankoraŭ imponas per sia silento, kaj al ili ni eble konsilu, ke ili faru same kiel faris unu lando dum la redaktora kunveno en Cervia: promesi sendi po 1 kontribuaĵon ĉiujare! Kompreneble okazas ĉe ĉiuj fervojoj pli ol unu internacie interesa okazaĵo en unu jaro, kaj kial silenti pri tio? Se ni volas, ke Esperanto estu fake aplikata, la Fervojfakaj Kajeroj estas eminenta loko por la neĉiutagaĵoj, sed la mallongaj informoj, novaĵoj, planoj, atingoj, sukcesoj ne havas pli taŭgan lokon ol IF!

Ni ĵetu momentan retrorigardon al la 1993aj numeroj:

La verda stelo akiris plenkovritan koloron (do ne plu haĉitan kiel en 1992) kaj verda framo enkadrigas la frontbildon. Same la IFEF-emblemo estas en supra maldekstra flanko, kio donas pli agrablan aspekton al la revuo. Novaj litertipoj donas pli perfektecan aspekton, kaj la pacienca, pardonema kaj perfekta tajpa prizorgo de Erna Hauge transformas la malnetojn de la redaktoro en la de vi konatan aspekton de IF.

Pri la enhavo ja devas juĝi la legantoj, kaj la kreiva arterio de la redaktoro sekiĝis. Vi do ne atendu novajn iniciatojn de tiu flanko.

Kelkaj mankoj rilate la ekspedon de la revuo povas esti ŝuldo de redakcio, transporto aŭ loka distribuo. La legantoj bonvolu esti atentaj pri tio, tiel ke ni rapide trovos eventualajn obstaklojn.

Fine: montru Internacia Fervojisto-n al kolegoj, fieru pri ĝi, helpu al ĝia plibonigo, varbu IFEF-membrojn/abonantojn.

Næstved, en februaro 1994

E Henning Olsen

## Membrostato

| Lando | 1992 | 1993 |
|---|---|---|
| Aŭstrio | 107 | 83 |
| Belgio | 50 | 50 |
| Britio | 30 | 30 |
| Bulgario | 25 | 33 |
| Ĉeĥio | 83 | 83 |
| Ĉinio | 20 | 20 |
| Danio | 65 | 65 |
| Estonio | 20 | 20 |
| Finnlando | 17 | 14 |
| Francio | 230 | 210 |
| Germanio | 502 | 461 |
| Hispanio | 124 | 129 |

| Lando | 1992 | 1993 |
|---|---|---|
| Hungario | 60 | 60 |
| Italio | 190 | 190 |
| Japanio | 13 | 13 |
| Jugoslavio | 60 | 60 |
| Kroatio | 20 | 20 |
| Nederlando | 36 | 28 |
| Norvegio | 51 | 50 |
| Pollando | 22 | 22 |
| Rumanio | 20 | 20 |
| Slovakio | 20 | 20 |
| Slovenio | | 20 |
| Svisio | 75 | 75 |
| Individuoj | 12 | 11 |

## Raporto de la kasisto pri la jaro 1993

| Enspezoj | DKK | Elspezoj | DKK |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 37.670,92 | Internacia Fervojisto | 31.078,00 |
| Terminara Fonduso | | Estraro | 4.410,00 |
| Adopta Fonduso | 4.898,80 | Administrado | 3.121,44 |
| Rentoj | 418,40 | Reprezentado | 1.275,00 |
| | | Diversaĵoj | 3.438,11 |
| | 42.988,12 | Fondusoj | 1.658,80 |
| Plielspezoj 1.993,23 | | | |
| | 44.981,35 | | 44.981,35 |
| | ======== | | ======== |

**Bilanco je la 31.12.1993**

| Aktivoj | | Pasivoj | |
|---|---|---|---|
| Kaso | 800,00 | Kongresa Garantia Fonduso | 7.139,77 |
| Poŝtĝirkonto | 19.152,19 | Junulara Fonduso | 691,90 |
| Bankoj | 34.693,40 | Adopta Fonduso | 6.157,48 |
| | | Terminara Fonduso | 40.206,62 |
| Inventaro | 2.781,55 | Havaĵo 1.1.93 5.224,60 | |
| | | Plielspezoj 1.993,23 | |
| | | Havaĵo 31.12.93 | 3.231,37 |
| | 57.427,14 | | 57.427,14 |

Brønderslev, en februaro 1994, Henning Hauge

## Raporto de Fervojista Koresponda Servo (FKS) de IFEF

En la 42a IFEF-kongreso en Hamar mi transprenis la taskon kunordigi nian FKS (Fervoja Koresponda Servo). Jen la resuma raporto de la agado dum la jaro 1993, jaro de la 45a IFEF-kongreso en Cervia (Italio).

Ricevitaj kaj senditaj leteroj kun petoj de interkorespondado:

| | |
|---|---|
| Aŭstrio | 2 |
| Bulgario | 3 |
| Burundo (Afriko) | 1 |
| Ĉeĥio | 4 |
| Ĉinio | 1 |
| Finnlando | 1 |
| Francio | 3 |
| Germanio (Unuigita) | 2 |
| Hispanio | 3 |
| Hungario | 2 |
| Kroatio | 3 |
| Argentino (Suda Ameriko) | 2 |
| Brazilo (Suda Ameriko) | 1 |
| Israelo (Azio) | 1 |
| Pollando | 21 |
| Svedio | 1 |
| Usono (Norda Ameriko) | 1 |
| Ukrainio | 2 |
| Litovio | 3 |
| Rusio | 8 |

Do, sume 65 el 20 landoj.

La petantoj pri korespondado estas multe pli, ĉar kelkaj instruistoj de Esperanto kaj Esperanto-kluboj sendis listojn de pluraj interesitoj al FKS. ekz ni memoras liston ricevita de "Association Francaise des Cheminots Esperantistes" de Le Mans, Francio. Tiamaniere, kune kun la petoj de la pasintaj jaroj, ni havas en komputero liston de pli ol 250 adresoj de gesamideanoj, kiuj deziras korespondi.

Mi petas ke la korespondemuloj, kiuj ŝanĝis adreson, sendu tuj al mi la novan precizan adreson; aparte tiuj de la iama Jugoslavio kaj S.U., kie eĉ ŝanĝiĝis la nomo de iliaj landoj.

Bologna en februaro 1994 Germano Gimelli

## Fervoja sukceso dum la olimpikaj ludoj

La organiza komitato de la 17aj olimpikaj vintraj ludoj en Lillehammer (N) rapide ekkonis, ke la transporto de partoprenantoj, funkciuloj kaj spektantoj estos unu el la plej gravaj kaj malfacilaj taskoj de la aranĝo.

Lillehammer estas malgranda urbo kun nur 25.000 enloĝantoj, dum la kalkulita meza nombro de spektantoj estu po 150.000 tage. Estus tial evidente ke la plej granda parto de la publiko estus ĉiutagaj vizitantoj, venintaj el lokoj ekster Lillehammer.

Ĉar la kapacito de la vojreto al Lillehammer kaj la parkejoj en la urbo estas tre limigita, amasa alfluo de aŭtomobiloj al la urbo certe kaŭzus ĥaoson. La respondeculoj por la trafiko dum la ludoj tial decidis devigi la vizitantojn uzi kolektivajn transportilojn al kaj de Lillehammer. La deziro doni al la ludoj bonan median reputacion ankaŭ kontribuis al tiu decido. Estis decidite malpermesi uzon de privataj aŭtoj en Lillehammer kaj por vojaĝoj al la urbo antaŭ kaj post la unuopaj konkursoj.

Vizitantoj el lokoj situantaj malpli ol 60–70 kilometroj for de Lillehammer estis direktitaj al speciala sistemo de aŭtobusoj, kio celis kovri la bezonon de transporto al kaj de la arenoj. Por plenumi tiun taskon la regionaj aŭtobuskompanioj fondis provizoran kompanion "Transport 1994". Krom siaj propraj busoj ĝi luis nombron da busoj de aliaj partoj de la lando, tiel ke ĝi totale havis 1600 aŭtobusojn je sia dispono.

Por vizitantoj el Oslo kaj aliaj malpli proksimaj lokoj la fervojo (Norvegaj Ŝtataj Fervojoj) transprenis la transportadon.

La aktuala taga nombro da vojaĝantoj en tiuj rilatoj estus meze 20.000 kaj maksimume 30.000.

La linio inter Oslo kaj Lillehammer havas longon de 180 kilometroj kaj ĝi plejparte estas unutraka. La distancoj inter kruciĝ- kaj blokstacioj estas longaj, eĉ se kelkaj novaj stacioj estis konstruitaj antaŭ la komenciĝo de la ludoj. La ordinara trafiko, kiu estas sufiĉe granda kaj devas esti prizorgita ankaŭ dum la ludoj, okupas konsiderindan parton de la kapacito.

Ĉiuj ĉefaj aranĝoj dum la ludoj komenciĝis proksimume samtempe inter 9h30 kaj 12h00. Por eviti ke la pasaĝeroj estu devigataj longe atendi antaŭ la konkursoj estus necese efektivigi la transporton al Lillehammer dum tempoperiodo de 2 horoj kun forveturo de Oslo plej ofte inter la 5a kaj 7a matene.

Ĉar la malalta kapacito de la linio ne permesis reveturojn dum la tempoperiodo kiam okazas la alveturo, estis eble uzi la trajnunuojn nur po unufoje al kaj de Lillehammer tage. Tio signifis ke la bezono de vagonoj nur por tiu ĉi trafiko estus inter 200 kaj 250 ĉiutage

La trakaro de la stacio de Lillehammer ne sufiĉas por parki tiom da vagonoj kaj la trajno tial post la malplenigo devis daŭrigi pluen al aliaj stacioj por parkado ĝis estis tempo uzi ilin por la retransporto posttagmeze aŭ vespere.

Por la reveturoj reen al Oslo estis eble kaj eĉ dezirinde por la pasaĝeroj iomete pli dense forveturigi la trajnojn.

La krombezonon de personaro, lokomotivoj kaj vagonoj la fervojo kovris per kunvoko de tiaj rezervoj de la tuta reto kaj per luo de vagonoj de la svedaj fervojoj.

Prizorgado de la veturilaro, trakoj kaj katenario estis intensivigita kaj la kuranta kontrolo fortigita.

Por eviti koliziojn kun alkoj, kiuj vintre kiam dika tavolo da neĝo kovras la kampojn, ofte kolektiĝas ĉe vojoj kaj fervojtrakoj, NSB luis helikopterojn, kiuj konstante superrigardis la linion kaj atentigis gardistojn, kiam la bestoj alproksimiĝis al la trako.

La tasko, kiun transprenis NSB, estis ampleksa kaj malfacila, kiam oni konsideras la nesufiĉon de veturiloj kaj la limigitan kapaciton de la koncerna linio. Sed dank' al zorgema planado kaj preparado kaj fervora, entuziasma kontribuo de la tuta personaro. NSB brile majstris la

problemojn. Ĝi totale hontigis ĉiujn dubantojn.

Ĉiuj 630 kromtrajnoj, kiuj veturis okaze de la ludoj, atingis la finstaciojn precize laŭ la horaro. Ĉiuj pasaĝeroj senprobleme kaj ĝustatempe estis transportitaj.

Rimarkinde estas ke NSB samtempe efektivigis la ordinaran trafikon sur ĉiuj aliaj linioj. Pro la ludoj ankaŭ tiu trafiko estis konsiderinde pli granda ol ordinare.

La aŭtobusa kompanio "Transport 1994" ankaŭ relative sukcese plenumis sian taskon, eĉ se ĝi kelkfoje havis problemon veturigi siajn busojn laŭ la horaro.

Post la fino de la ludoj la prezidanto de la organiza olimpika komitato, Gerhard Heiberg, turnis sin al NSB kun fortega laŭdo, esprimante ke ankaŭ la fervojo meritus oran medalon pro la sukcesa efektivigo de la trafiko.

PEN

**UNIKA IFES en Poiana Brasov**

La 35a IFES, kiu ja okazis en Rumanio, vere estis unika, eĉ en pluraj signifoj.

La negativa flanko estis manko de partoprenantoj; ekz nur unu germano. Tute serioze mi demandas: kie estis la aliaj germanoj, la aŭstroj, la svisoj??
Sed feliĉe la pozitivaj flankoj estis multaj. La etoso, la nekredebla helpemo de la aranĝintoj, la gastamo entute!

Pro dorsdoloro mi ne partoprenis ekskurson al la kastelo de la vampiroj (kastelo BRAN, kie loĝis Drakulo), sed oni rakontis al mi pri belega kaj interesa tago. Ni vidis ekspozicion de pentraĵoj, faritaj de fervojistoj. Sen multe da kono aŭ scio pri tiu arto, mi konstatis, ke certe estas multaj talentuloj.

Ni vizitis la urbdomon, kie la prefekto regalis nin per kafo kaj ĉampano. La ĝenerala direktoro de la regiono ĉeestis, kune kun aliaj altranguloj.

Estis aranĝita vespero kun manĝo, danco, trinkado.

En la lasta vespero ni provis (almenaŭ por ni danoj) ion, kio neniam povus okazi ĉe ni: Ni sidis ekstere, en frost-vetero, kaj manĝis! Estis granda fajro, kaj ni rostis la viandon. Aldone oni servis varmegan vinon (certe kun iom da forta alkoholo), tre agrabla travivaĵo, ĉar eĉ ne venteto estis.

La neĝo estis komence bona, sed, kompreneble iom post iom ĝi estis foruzita, ĉar preskaŭ ne neĝis dum la restado. Tamen multe pli bona ol




pasintjare en Ŝvisio.

Ni neniam povas sufiĉe danki al la rumanoj, ili faris grandan laboron por ni. Mi ne povas diri kiu el ili faris plej multon, sed la rezulto estas, kaj restas en niaj memoro kaj koroj.

Almenaŭ en la nomoj de ni danoj ankoraŭfoje: Koran dankon

Astrid Birkbak

**Premioj disdonitaj dum la 35a IFES:**

| | |
|---|---|
| IFEF-premio: | s-ro Hubert PEYROUTY, F |
| Alpina skiado: | s-ro Hubert PEYROUTY, F |
| Lingva konkurso: | s-ro Ejlif ANDERSEN, DK |
| Karnavalo: | s-ino Claude DUGUE, F |
| Serĉoj: | la franca grupo, sub gvido de Denise kaj Hilaire HAPPI-FOSSO, pro 'TV-stacio Freneza'. |

Premioj por longdistanca skiado kaj piedira konkurso ne estis aljuĝitaj.

Estis kunportita (de DSB) memoraĵo por ĝenerala direktoro LEANCU kiel danko pro lia sub-

teno al Esperanto kaj FISAIC en Rumanio. Nome de IFEF komisiito pri skisemajnoj Jan NIEMANN transdonis la memoraĵon. Rezulto de la laboro de Leancu estas, ke dum la IFES estis fondita 'Arta Sekcio' de FISAIC ĉe REFA.

## Pri la 35a IFES

skribas s-ro Hubert PEYROUTY:

Ĉar mi ricevis la IFEF-premion, mi sentas ioman devigon skribi pri la 35a IFES, kiu okazis en Braŝov (Rumanio).

Unue, estis neĝo, ĉefa afero por skiantoj, kaj ankaŭ estis sunbrilo, eĉ tro, ĉar pro la varmo de la suno la neĝo degelis kaj eĉ la malsupro de la deklivoj, je la lastaj tagoj, foje oni skiis sur ŝtonetoj.

Sed strange por skisemajno, la plimulto ne estis skiantoj, nur piedirantoj, kiuj ekskursis kaj ĝuis la ĉirkaŭaĵon.

Merkrede okazis tuttaga ekskurso al BRAN, kie situas la Drakula kastelo. Ege interesa vizito. Oni povis viziti ankaŭ etnografian muzeon kaj aĉeti tipe rumanajn aĵojn. Tuj poste ni preskaŭ bankedis en fama restoracio, kie ni estis varme akceptitaj (per koro kaj trinkaĵo!). Sekve ni reiris al Braŝov por viziti pentraĵan ekspozicion de fervojistaj artistoj. Tre valora ekspozicio laŭ la opinio de multaj IFES-anoj.

Je la 16a horo ni havis ĉefan solenan rendevuon en la prefektejo kun la prefekto, la ĝenerala direktoro de la Regiono Braŝov, la REFA-prezidanto kaj deko da eminentuloj el urbo Braŝov.

Post malgranda halto ĉe la stacidomo, por plenigi la aŭtoĉaron, ni fine veturis al la restoracio de lokomotivejo, kie okazu la ĉefa afero de la tago: vespermanĝi, danci, aŭskulti muzikon, iom interkoniĝi kun rumanaj fervojistoj - ne ĉiuj esperantistoj - kaj denove danci, eĉ rumanajn popoldancojn, ĝis la 23a, kiam la IFES-anoj devis forlasi la lokon, bedaŭrinde ĵus kiam oni alportis ĉampanon!

Mi estas tridek-jaraĝa, kaj ŝajnas ke mi estas la plej juna, do mankas gejunuloj. Nekomprenebla afero por mi, ĉar skisemajno devus interesi ĉefe gejunulojn. Ĉu oni nek bone, nek sufiĉe propagandas pri tio? Ĉu unue Esperanto ne estas lingvo de unueco? Jes, ESPERANTO estas! Dum skisemajno tion oni povas konstati. Do finfine, mi esperas, ke venontjare okazos skisemajno kun multe da skiantoj dank' al partopreno kaj propagando de multaj el ni. Ĉu ne? ■

---

## PAROLAS VARSOVIO EN ESPERANTO...

Konkurso de Pola Radio

Okaze de la 35jariĝo (la 4an de aprilo) de la Esperanto-elsendoj ĉe Pola Radio, la Esperanto-redakcio invitas al konkurso. Ĝis la 30a de junio oni sendu respondon (Pola Radio, Esperanto-Redakcio, P.O.Box 46, PL-00-950 VARSOVIO, Pollando) en laŭplaĉa amplekso al almenaŭ unu el la jenaj demandoj:

1. Kio instigas vin aŭskulti la Esperanto-elsendojn de Pola Radio, kaj kian signifon ili havas por vi?
2. Kion vi opinias pri la rolo kaj signifo de la E-elsendoj de Varsovio en la tempo de grandaj politikaj kaj ekonomiaj ŝanĝoj en Eŭropo kaj strebado al partnereca, paca kunlaboro sur nia kontinento?
3. Kiagrade la Esperanto-elsendoj de Pola Radio - fone de viaj nacilingvaj amaskomunikiloj - proksimigas al vi la bildon de Pollando?

Inter la lotumotaj premioj estas sonkasedoj, Esperanto-libroj, popolartaĵoj ktp. La redakcio volonte akceptos eldonaĵojn de Esperanto-firmaoj kiel disdonotajn premiojn. ■




## Universala Kongreso de Esperanto

La 79a UK okazos 23a-30a de julio 1994 en la korea ĉefurbo Seulo. Kiel kutime IFEF aranĝos fervojfakan kunsidon kaj tiucele mendis salonon en kongresejo. IFEF instigis al UEA, ke la IFEF-fakkunveno okazu marde la 26an de julio je h 9a, sed konfirmo ne estas veninta je redaktofino.

Vicprezidanto de IFEF, inĝ István Gulyás, partoprenos la UKon kaj gvidos la IFEF-kunvenon, dum kiu li esperas ligi interesajn kontaktojn kun koreaj kolegoj.

Li promesis raporti pri tio tuj post la okazaĵo, tiel ke vi supozeble legas bonajn novaĵojn en IF n-ro 1994.5. ■

## Elfriede Kruse 80jara

Kiu ne memoras tiun aktivulinon, kiu dum multaj (12) jaroj estis sekretario de IFEF kaj konata figuro en la kongresaj kunsidoj. Multajn geamikojn ŝi akiris dum sia "Esperanto-vivo", kiu komenciĝis jam en la kvindekaj jaroj kaj eĉ nun daŭras, kvankam ne plu en la kadro de IFEF. Sed ni scias, ke la nobla okupado, kiun ŝi antaŭ 30 jaroj elektis kiel kvazaŭ duan profesion, ankoraŭ nun donas al ŝi taskojn ĉiam denove.

IFEF deziras al ŝi ankoraŭ multe da vivojaroj en bona sanstato!

**Dankon!**

Al ĉiuj miaj geamikoj, kiuj okaze de mia 80a naskiĝtago ĝojigis min per salutoj kaj bondeziroj, mi tutkore dankas.

Elfriede Kruse

## Plenigu la glason en Tokaj

Vere ĝui la faman Tokaj-an vinon eblas nur en Tokaj-a vinkelo. Mi proponas gustumi ĝin en nia familia vinkelo.

Dum via restado en Hungario nepre organizu ekskurson al Tokaj, kie en la vinprem-muzeo kaj vinkelo "Hímesudvar" serĉu la esperantistan dommastrinon. Vi ĝuos specialan vinon kaj specialan priservon.

Por niaj vizitantoj mi volonte helpos aranĝi ankaŭ tranoktadon, manĝadon kaj interesajn programerojn.

Bonvenon, karaj gastoj!

Margó VÁRHELYI, Bem út 2., H-3910 TOKAJ, Hungario. Telefono: +36 47/352-416.



## Elekto el 250 Esperanto-kunvenoj

Kiel kutime, la printempa duobla numero de "Heroldo de Esperanto" enhavas liston de feriaj renkontiĝoj, seminarioj, internaciaj kursoj, kunvenoj kaj kongresoj, kiuj okazas en Esperanto.

La listo por 1994, en kiu aperas datoj, adresoj kaj programoj, priskribas ĉ 250 aranĝojn en la tuta mondo.

Oni povas senpage ricevi la koncernan duoblan numeron, marpoŝte se ekstereŭrope, petante ĝin ĉe la redakcio (Via Sandre 15, I-10078 Venaria (To), Italio). Kiel konate, "Heroldo de Esperanto", fondita en 1920, estas eldonata de laŭleĝe registrita societo sen profita celo.

A.Fighiera-Sikorska
redaktorino

**HEROLDO DE ESPERANTO**

## 6a Esperanto-Konferenco Alp-Adrio, 22a-25a de aprilo 1994 en Triesto

**Nia konferencejo - stacidomo en Triesto - Campo Marzio**
Iom da historio:

Samtempe al la konstruado de trafiklinio TRANSALPA (aŭstre Wocheinerbahn) dum la jaroj 1901 kaj 1906, por realigi la duan fervojan kuniĝon inter la triesta haveno kaj la aŭstro-hungara imperio, oni starigis novan urban stacidomon.

Post la finkonstruado de la Nova Haveno, vasta areo elmarigita troviĝis je dispono kaj oni volis ĝin utiligi por transporti ĉi tien la jam ekzistantajn fervojajn instalaĵojn de la "Reĝ-imperia fervojsistemo de Aŭstria ŝtato", tiam lokigitajn ĉe la malnova stacidomo de S.Andrea (jaro 1887).

Tiel naskiĝis eleganta kaj impona konstruaĵo, inaŭgurita kiel nova stacidomo la 19an de julio 1906 kaj kun trafiklinio TRANSALPA: Trieste-Gorizia-Piedicolle-Jesenice-Rosenbach.Poste ĝi fariĝis startpunkto ankaŭ por linioj ISTRIA (Trieste-Erpelle-Pola), aktiva ekde la jaro 1887 PARENZA(Trieste-Buie-Parenzo) aktiva ekde 1902.

Oni potencigis ĝin ankaŭ por vartrajnoj venintaj de la malnova haveno, pere de kuniĝo al la Suda stacidomo (la nuna!) trans *rivabahn* aŭ *marborda linio.*

Post la jaro 1918, la stacidomo estis plene utiligata ĝis 1935, kiam oni nuligis la paranzan. Dum la dua mondmilito oni forprenis la kovritan parton de la relreto por militaj uzoj kaj bedaŭrinde neniam eblis restarigi ĝin.

Sekve de la militsorto, la trafiklinioj TRANSALPA kaj ISTRIA estis destinitaj al tiama Jugoslavio, kaj Trieste-Campo Marzio dekadencis, kaj servis nur al homoj por iri ĝis Draga S.Elia (landlimo kun la najbaro)- Tiu servo definitive ĉesis en 1958 kaj la konstruaĵo estis utiligata nur pro bezonoj de la Nova Haveno.

La ĉefa konstruaĵo, dank' al agado de Postlabora Fervojista Asocio kaj de la Muzeo tie lokigita fare de la Itala Ŝtata Fervojo, mankas nur la vitra-metala tegmento por protekti la maŝinojn. Volontuloj ameme flegas la antikvajn ekipaĵojn, lokomotivojn kaj aliajn objektojn, ili preparis kaj konstruis multajn interesajn aferojn, kiujn oni povos admiri vizitante la muzeon.

Parto de ĝi estos nia konferencejo: malofte oni povas ĝui tiel belan kunvenejon, eksterordinaran por senti sin transportita en *Mitteleŭropajn* tempojn. Niaopinie, plej taŭgan sidejon por ALP-ADRIA aranĝo oni ne povus trovi.




**Nekonataj reloj ĉirkaŭ Triesto**
La unuan sabaton de ĉiu monato SAT-DLF - Fervoja Muzeo de TRIESTE Campo Marzio - organizas vere specialan pertrajnan ekskurson, nomitan "Nekonataj reloj de Triesto".

La itinero, realigita ekde majo 1992, atingas la plej orientan fervojstacidomon de la Itala reto kaj sur reloj ne plu utiligataj por pasaĝera trafiko. reaktivataj nur en tiu ĉi tago por promenigi tiun trajnon, laŭiras liniojn kiuj de la maro kondukas al Karsto, entuneliĝante sub la urbajn fundamentojn, por poste abrupte kvazaŭ tuŝi →

## Ni funebras

**Gunnar Thuesen**
**1928 - 1994**

Multjara gvidanto de Fakprelega Komisiono de IFEF kaj komitatano por DEFA 1974-1986 **Gunnar Thuesen** (DK) mortis la 7an de marto 1994 post mallonga, sed grava malsano.

Unu el la meritoj de Gunnar Thuesen estas lia ideo pri 'Fervojaj aktualaĵoj' dum la IFEF-kongresoj. Komence nek la gvidantaro nek la publiko plene komprenis lian intencon, sed iom post iom oni akceptis la ideon, kaj ĝi eĉ poste evoluis al la nuna - pli/malpli komprenita - disdivido en prelegojn kaj aktualaĵojn.

Krome ni memoras Gunnar Thuesen kiel karavangvidanto okaze de la IFEF-kongresoj, kiun taskon li plenumis per antaŭpreparo ĝis perfekto, plejofte kun survoja vojaĝinterrompo por travivi gajan vesperon inter lokaj samideanoj.

Kaj kiu ne povis ne admiri lian brilan prezentadon de la fakprelego dum la 37a IFK en Vejle (DK). Temis pri 'Eksterordinaraj Transportoj ĉe la fervojoj' kun aparta atento al la komputeraj helpiloj, kiuj tiam estis novaj kaj epokfaraj rilate al tiuj 'ektoj'.



En la loka Esperanto-laboro instruado kaj gvido de t.n. 'GT-vesperoj' plus Esperanto-klarigoj en la dana horaro estis esencaj partoj de la laboro de Gunnar Thuesen, kiu sukcesis atingi 50jarajn jubileojn kaj ĉe la fervojoj kaj kiel esperantisto.

IFEF kaj DEFA perdis laboremulon. ■

---

ruĝajn tegmentojn kaj kultivitajn legomĝardenojn. Lau la malnovaj trakoj de la Aŭstraj Fervojoj inter stacidomoj de antikva arkitekturo, oni travagadas sorĉe ravajn panoramojn, reliefigantajn la krudan belecon de la karsta naturo kontraste kun la milda blueco de la golfo, elvokantajn sentojn kiuj surprize mirigas eĉ la triestanojn mem.

Oni ĝuas kelkajn horojn for de la kutima ĉiutaga rutino, por admiri, je la reveno, la urbon kaj ĝiajn ĉirkaŭaĵojn el nekonata perspektivo, komforte sidante en iu kupeo de la du legendaj elektraj motor-vagonoj: ALe 790.037 kaj ALe 880.073 aŭ en la "Historia Trajno" konsistanta el tri, teknike unikaj vagonoj, trenataj de la lokomotivo E 626.238.

Sed atentu: ĉar la nombro de la disponeblaj lokoj estas limigita, por akiri biletojn oni konsilas turni sin ĝustatempe ĉe:
MUZEO FERROVIARIO,
Stazione di Trieste Campo Marzio
Via G.Cesare,I-34123 Trieste
Tel +39-40-3794185

**FERVOJA KORESPONDA SERVO**

S-ro Germano GIMELLI, Via Creti 61,
I-40128 BOLOGNA, Italio.

Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.

Aldonu se eble internacian respondkuponon. Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Italio.

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1994.2
46a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
E Henning Olsen,
Åderupvej 182,
DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
3717 034856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

Redaktofino por la venonta IF: 10.04.1994

Presejo:
Gefion Tryk Næstved A/S



## Kelkaj ZEOJ en Aŭstrio

| | | |
|---|---|---|
| 1949 | Graz ............ | Esperanto-Platz |
| 1952 | Wörgl ............ | Zamenhof-Monumento |
| 1953 | Klagenfurt ........ | Esperanto-Strasse |
| 1954 | Radstatter Tauern .. | Esperanto-Weg |
| 1956 | Wien XI .......... | Zamenhof-Strasse |
| 1957 | Linz ............ | Zamenhof-Strasse |
| 1957 | Knittefeld ......... | Esperanto-Strasse |
| 1958 | Wien ............ | Zamenhof-Monumento |
| 1958 | Wiener Neustadt ... | Esperanto-Parko |
| 1959 | Wiener Neustadt ... | Zamenhof-Memortabulo en la Esperanto-Parko |
| 1959 | Wien ............ | Zamenhof-Memortabulo en Florianigasse |
| 1963 | Wolfsberg ......... | Esperanto-Strasse |
| 1963 | Villach ........... | Esperanto-Strasse |
| 1965 | Linz ............ | Esperanto-Monumento |
| 1967 | Linz ............ | Zamenhof-Memortabulo en la Zamenhof-Strasse |
| 1967 | Wien ............ | Memortabulo por la Internacia Esperanto-Muzeo |
| 1975 | Arnoldstein ........ | Esperanto-Strasse |
| 1987 | Graz ............ | Monumento "La Espero" |

- - - -

ZEO = Zamenhof-Esperanto-objektoj, da kiuj ekzistas dise en la mondo preskaŭ 1000 (eble vi memoras, ke pasintjare dum la IFK-postkongreso en norda Italio la nombro grandiĝis per tri).

Tri el la supre menciitaj en Aŭstrio – tiuj de Linz – estas iniciatitaj de s-ano Johann GEROLDINGER, kiu antaŭ nelonge iĝis 65jara. Li siatempe ankaŭ iniciatis la IFEF-emblemon kaj la IFES-ojn. Dum la 20a IFES oni nomumis lin "IFES-patro". ■

